# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 04/07/2015 Ducent dudekkvara eldono 04/07/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn.

EFNSK represos la ŝlosilon.

Memoru, la celo estas propaganda libreto ne instru-libreto.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton

http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

# 77. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Korelativoj. D.

La korelativojn regule akompanas la adverbo "ĉi" kaj la vorteto "ajn". Malrekomendinda estas diri "la ĉi domo" anstataŭ "Ĉi tiu domo". Kaj certe ne "ĉi-domo". La adverbo "ĉi", kiu speciale kreatis por akompani korelativojn, ne povas alikategoriiĝi, pro la jamaj vortoj "ĉio, ĉia, kaj ĉie" kun aliaj signifoj. "Ajn" kelkfoje uzatas en "ajna" kaj "ajne", en la signifoj de la pli ortodoksaj "iu ajn" kaj "iel ajn".

Aliaj tabelvortoj estas sen problemoj, ekzemple la personaj pronomoj, escepte de "si", pri kiu do en la sekvontaj lecionoj.

Marcel Leereveld.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj

gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;
Tri vizitantoj el Koreio 3an ĝis 6a de aŭgusto. Vidu AE 222 por detaloj. Ĉu vi povus helpi ilin?

# Nia moderna mondo














Sendis Peter Weide
16 bildoj
Vidu estontajn AEojn

# 3ZZZ Melburno

# Eĥo de 3ZZZ





Ĉiu scias ke dum vintro la esperantistoj malaperas en Aŭstralio. Ili forflugas al aliaj kontinentoj por ĉeesti kongresojn, renkontojn aŭ viziti familianojn kaj amikojn. Ĉi tiu jaro ne estas escepto. Sed la radio ne silentos, kompreneble.
Ni proponas al vi inter alie la malkovron de romano originale verkita en Esperanto de Edith Alleyne Sinnotte, Lilio. Ĝi estis publikigita de la Brita Esperanto Asocio en 1918.
Entute estas ok partoj , kiuj estos disaŭdigitaj de la 6a de julio ĝis la 24a de aŭgusto.
Vi rekonos la voĉon de konataj esperantistoj : Joanne Johns, Heather Heldzingen, Franciska Toubale kaj konatiĝos kun la voĉoj de novbakitaj esperantistoj: Peter Johns, Jean Hueslbeck , Tristan Mcleay.
Ne estis eble trovi informojn pri la verkistino. Sed iu ajn informo estos bonvena.
La kunvokanto por la programo Esperanto en 3ZZZ
Franciska Toubale

# Ankaŭ muziko estas Internacia Lingvo



**"La unua Internacia Tago de la Balalajko" okazis la 28-an de junio 2015, en la Rusa Domo en Adelajdo. Ni fieru, ĉu ne?**

**Ĝi estis la plej grandega ekspozicio de rusaj popolmuzikiloj en la suda hemisfero. Neniam antaŭe okazis io simila en tiu ĉi nia lando.**

**Laŭlonge de du grandaj muregoj videblis multege da balalajkoj, 4 subkontrabasbalalajkoj, 5 basbalalajkoj, 4 aldbalalajkoj, 2 sekundobalalajkoj, 2 malgrandaj balalajketoj por infanoj, proksimume 20 primbalalajkoj kaj multaj historiaj kopioj.**

**Krome videblis 3- kaj 4 kordaj domroj: 4 basdomroj, 5 alddomroj, 6 primdomroj, aŭtoharpo, baglamaso, banduro, bajano, liutoj, mandolinoj, tamburitsoj kaj multaj interesaj muzikiloj, kies nomon eĉ mi ne povas traduki, ĉar mi neniam antaŭe vidis aŭ aŭdis pri ili.**

**Estis metitaj du grandegaj laŭtparoliloj sur la straton ekster la rusa domo por ke la preterpasantoj povu aŭdi la belegan muzikon venantan el la domo. Apud la laŭtparoliloj staris granda subkontrabasbalalajko por altiri la atenton de la publiko. Multaj eniris, kaj fakte multaj interesatoj devis stari, ĉar la halo ne estis sufiĉe grandega por ke ĉiu povu sidi.**



**Infanoj dancis, ludis kaj kantis la belegajn rusajn kaj ukrajnajn popolkantojn. Du el la plej lertaj balalajkistoj en Aŭstralio ludis en la orkestro de plenkreskuloj. Estis belega travivaĵo vidi kaj aŭdi tiom da eĉ tre belegaj sonoj donantaj emociojn foje ĝojajn kaj foje malĝojajn kaj sentimentajn.**

**Mi parolis kun multaj el la ĉeestantoj. Kompreneble la plej multaj estis rusoj kaj ukrajnanoj. En la rusa domo en Adelajdo oni bonvenigas ĉiujn. Oni ne kverelas tie, oni ĝuas la ĉeestadon unu de la alia.**

**Estis japanoj, germanoj, skotoj, irlandanoj, angloj, eĉ aŭstralianoj, kanadanoj ktp. Supozeble ĉiu nacio estis reprezentata. Eĉ iu granda dano ĉeestis. Dum la plej multaj vizitis la rusan manĝejon la granda dano trinkis tason da kafo, fakte li trinkis du tasojn da kafo, kun sukero kaj lakto !**

**Do, malgraŭ la opinioj de multaj, facile eblas ke la homaro vivu pace kaj harmonie kune, ĉu ne? Kvankam la komuna lingvo estis la angla, oni tamen sufiĉe bone interkompreniĝis. Mi vidis nur gajajn vizaĝojn kaj ridetojn.**

**Imagu la ĝojon kiam ni ĉiuj parolos la Neŭtralan lingvon Esperanton ! Jes, povas esti neniu dubo pri tio, ke ankaŭ muziko estas Internacia Lingvo !!!**



**Bob Felby**



# La Melburna Esperanto-klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"Pasintan lundon ni renkontiĝis kiel kutime kaj rigardis la filmon " La atako de la lunaj zombioj". Stulta filmo sed tamen amuza. La ĉeestantoj estis Suzanne Holton, Jo kaj Peter Johns, Jennifer Bishop, Heather Heldzingen, Peter Lim, Ken Rolls, Esther Parris kaj James Douglass. Karlo ferias en Aŭstrujo kaj Marcel estis en la malsanulejo. Heather Heldzingen"
















## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

# ESPERANTO?

Ekzistis granda strato en Kazan, Rusio kiu nomiĝis Esperanto-strato, sed bedaŭrinde ĝi nun



ricevos novan nomon. Iu diris: «Эсперанто — ничего не значащее название. Если бы это было имя человека, я бы подумал. А так — никто не обидится», jen mia traduko de tiu frazo:

Esperanto - tiu vorto nenion signifas. Se temus pri nomo de persono, mi pripensus, sed ĉar ĝi ne estas, neniu ofendiĝos (se oni ŝanĝas la nomon).

Jen foto de tiu strato el Google maps. Tie ĝi ja ankoraŭ nomiĝas esperanto-strato. Amike, Nicole

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2015-07-02 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (02/07/2015) ĉeestis:
Esther, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor kaj – parte – Ilia, Richard
La ĉefa tagordpunkto estis – refoje -nia

*** VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO)**
**23 – 28 Marto 2016**

La proponita flugfolio estas preta. Kelkaj problemoj kun la desegno,…. La indonezianoj havos iomete ŝanĝitan reklamilon.
Ilia raportis, ke ŝi komencis plani antaŭ kaj postkongreson.
Richard iomete raportis pri la evoluo de Esperanto TV…. Li donos flugfoliojn al Jonathan, kiu kunportos ilin al Lille.
Richard sendos elektronikajn reklammaterialojn al ĉiuj.
Ni esploris la eblecon ankaü inviti instruiston por la Bandunga kongreso. Ni daŭrigu la esploradon.
Ni esploris ankaŭ la eblecon pri AMO seminario en Bandung. Ni diskutu kun kelkaj "spertuloj" en Lille.

*** ESK**

Ni gratulas Joanne pri la bona kunmetado.
Indrani restas en Aŭstralio kaj ŝi deziris al la forvojaĝantoj bonan sperton.
La venonta Skype estrarkunveno okazos dum la UK en Lille (krom Indrani)
(Poste 3/9, 10/9, 24/9, 8/10, 22/10, 5/11,19/11, 3/12, 17/12)

Esther, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor